# Gaja Haveno

24

Sendependa E-Gazeto de Porto Alegre
Novembro/Decembro, 2005

**KULTURO/MUZIKO**

## NEY MATOGROSSO:
### LA DIKTATURO AGRESIS LIN KAJ LI AGRESIS RETURNE

**ÉPOCA – Ĉu *Secos & Molhados* estus transpaŝema hodiaŭ?**

**Ney Matogrosso** – Verŝajne ne. *Secos & Molhados* havis ŝarĝon el sekso kiu estis iu bombo. Hodiaŭ la sekso estis banaligita, ĝi estas frotata sur nia vizaĝo kvazaŭ ĝi estus reklamo pri dentopasto. Kiam mi komencis, mi estis tre influita de la tropikalismo. La unuan fojon kiam mi vidis Caetano-n mi estis ŝtata funkciulo en Braziljo, en la fino de la 60-aj jaroj. Li aperis vestinte rozkoloron kape-pieden. Tiuepoke viro ne portis eĉ rozkoloran ŝtrumpeton. Imagu la ŝokon: diktaturon, vi trovas Caetano-n Veloso-n tute rozkolora en Braziljo! Mi pensis: 'Se mi iam estos artisto, mi volas kaŭzi al la homoj tion kion li kaŭzis al mi.' Tiam ekaperis tiuj *frenezuloj* (*Secos & Molhados*). Eĉ en la registarperiodo de Médici (1969-1974) mi dancis preskaŭ nuda. Mi suĉis rozon kaj forĵetis ĝin en la publikon, mi sidiĝis sur kornon. La Diktaturo agresis min kaj mi agresis ĝin returne. ●

Oni invitas vin partopreni en la...



## Verda Tagmanĝo!

Ĉiam en la dua sabato de la monato, 12h30, en la **Restoracio *La Persona***:
Str. General Câmara, 318, urbocentro.
GEA-aranĝo.

## Kolofono

GAJA HAVENO
Sendependa E-Gazeto de Porto Alegre

Kreita en 1997

Redaktas: Instr. César Dorneles Soares

Str. Umbu, 421/203
Porto Alegre, RS, Brazilo - PK-do 91350-100

Tel. (51) 3325-0084 - (51) 9803-4970

cdsoares@via-rs.com.br

Oni petas interŝanĝon.

# Kroko




# NOMBROJ

## 6

jarojn bezonos Cid Moreira por surdiskigi la tutan Biblion por la Sociedade Bíblica do Brasil. La projekto arigos 90 KD-ojn.

## 74,4 milionoj

estas la nombro da retejoj disponeblaj en la mondo ĝisoktobre laŭ esploro farita de Netcraft.

## 3.000

Ekzistas ĉ. 3.000 CGT-oj – centroj de gaŭĉaj tradicioj – duono en Rio Grande do Sul, duono en aliaj regionoj de Brazilo. Ankaŭ estis kreitaj tiaj folklorejoj en Paragvajo, Bolivio, Usono, Portugalio, Francio (ĵus inaŭgurita en Parizo...) kaj Israelo.

## 20%

Akorde kun studo farita en 2004, 20% el la usonaj plenkreskuloj kredas, ke la suno rondiras la Teron.

## 80%

Laŭ esploro farita de CNN, 80% el la usonanoj kredas, ke la registaro kaŝas pruvojn pri ekzisteco de eksterteranoj.

## 642 bilionoj

da dolaroj estis investitaj en armilaroj en 2003. Samjare, la plej malriĉaj landoj ricevis monhelpon de 69 bilionoj, tio estas, 10% el tiu sumo. ●

# Intervjuo

Legu venontnumere plus unu intervjuon de Gaja Haveno.

## Kion ili diris

Kelkfoje, kiam mi verkas, mi aŭskultas John en mia menso. Mi pensas: jes bone, kion ni povus fari ĉi tie? Kaj tiam mi sukcesas aŭdi lin aprobi aŭ ne.
**<Paulo McCartney,** volanta diri, ke ankoraŭ komponas kune kun John Lennon

**Feliĉo estas la certeco, ke nia vivo ne estas pasanta senutile.**
**<Erico Verissimo**

Ni estas konvinkitaj ke konstanta ligilo kaj daŭra informricevo multe helpas al individuoj resti esperantistoj, eĉ se momente, li/ŝi ne havas tempon, monon, ktp por partopreni esperantaĵojn.
**<L.L.Zamenhof**

Mi ŝatas junajn virinojn. Iliaj historioj estas pli malgrandaj.
**<Tom MaGuane**

Mi ĉiam imagis, ke la paradizo estas speco de librovendejo.
**<Jorge Luis Borges**

**http://internacia.tv/**

**Feliĉo estas bona sano kaj malbonega memoro.**
**<Ingrid Bergman**

En Brazilo, la ekstera ŝuldo estas tiu kiu regas. Tio estas, estas la vosto kiu svingas la hundon.
**<Pedro Malan**

La formiko nur laboras, ĉar ĝi ne scias kanti.
**<Raul Seixas**

Mi tremas pro mia patrio kiam oni diras al mi, ke Dio estas justa.
**<Thomas Jefferson**

La tradicio de la bienaloj estas ricevi la nomon de ties urbo. Bienalo de San-Paŭlo, de Moskvo, de Venezo. Porto Alegre estas escepto. La homoj kutime demandas al mi ĉu la Bienalo de la Sudmerkato troviĝas en Bonaero aŭ en Montevideo. Pro tio mi opinias, ke ĝi devus preni sur sin sian identecon. Ĝi estas de Porto Alegre.
**<Paulo Sérgio Duarte,** kuratoro de la 5-a Bienalo de la Sudmerkato

La plej malriĉaj landoj devas doni ekzemplon pri honesteco kaj etiko por meriti la solidarajn rigardojn de milionoj da homoj kiuj ŝatus kontribui, sed kiuj timas, ke la mono ne plenumos la celon pro kiu ĝi estis donacita.
**<Lula,** ricevinte UN-medalon pro la lukto kontraŭ la malsato

Ĉio kio povus esti inventita, jam estis inventita.
**<Charles H. Duell,** direktoro de la Oficejo pri Patentoj de Usono, 1899 ●

## E-MOVADO

# Ary Zamora

**(Tria parto)**

**Far Alberto Flores/ Volta Redonda-RJ**

En la jaro 1921 Ary translokiĝis al Porto Alegre, por labori em VFRGS kiel oficisto. Li tiam estis 23-jara junulo. Danke al sai sindediĉo, Ary progresis kiel funkciulo kaj atingis la postenon de estro de la statistika fako de VFRGS, posteno em kiu li emeritiĝis.

Kiam Ary jam estis funkciulo de VFRGS, li fariĝis brazila civitano. Por tio li ne bezonis fari ekzamenon nek ĵuran promeson, ĉar li, jam de longe, estis konata kiel efika kaj fidela oficisto de la Ŝtato!

Iun tagon, kiam li pasis antaŭ la Librovendejo Globo, lokita en la nuna strato dos Andradas (tiam ĝi estis strato da Praia), en Porto Alegre, li decidis eniri kaj demandi ĉu estas tie iu ajn libro pri Esperanto. Nenion li trovis. Sed kelkajn paŝojn antaŭen li eniris en la Librejon Americana, kaj tie li trovis kaj aĉetis libreton kies titolo estis *Esperanto tal qual se Fala* (*Esperanto tiel kiel oni ĝin Parolas*), eldonitan en Lisbono (Portugalio). Ĝi enhavis frazojn en Esperanto, kun la prononco kaj traduko en la portugala lingvo. Al Ary la libreto ne multe helpis, ĉar la klarigoj ne estis sufiĉaj kaj klaraj.

Dezirante bone koni la lingvon Esperanto, Ary petis helpon al iu S-ro Thomaz Walka, ĉekoslovaka tajloro, kiu konis diversajn lingvojn kaj kiu iomete lernis Esperanton en Eŭropo. Tiu 'instruanto' ne uzadis libron nek konis sufiĉe la esperantan gramatikon, sed iomete helpis, ĉar, kiel oni diras, 'en lando de blinduloj tiu, kiu havas unu okulon, estas reĝo'.

**Lernante E-on pere de la franca -** Malgraŭ la unuaj elreviĝoj, poste Ary sukcesis aĉeti, ĉe Librejo Globo, libron kiu vere malfermis al li la vojon por bone koni kaj posedi la lingvon Esperanto. Ĝi estis *L'Esperanto en Dix Leçons,* verkita de Theoph. Cart kaj M. Pagnier – en la franca lingvo kaj eldonita de la fama franca eldonejo Hachette et Cie, el Parizo, kiel parto de la *Kolekto Esperanto,* aprobita de D-ro Zamenhof. Ary konis sufiĉe bone la francan lingvon, por legi kaj kompreni la regulojn kaj eksplikojn pri Esperanto. Li trovis la novan lingvon tre simpla kaj logika. Kun plezuro li sin dediĉis al la lernado de Esperanto.

Librejo Globo ricevis, poste, aliajn librojn pri Esperanto, eldonitajn en Francio. Ary aĉetis tie la *Grammaire et Exercises de la Langue Internationale Esperanto,* de L. de Beaufront. Ĝi estis tre bona gramatiko kaj fariĝis tre utila.

Eĉ antaŭ ol li bone konis Esperanton, Ary aĉetis du librojn en Esperanto kiujn li poste legis plezure: *Fundamenta Krestomatio* kaj *Esperantaj Prozaĵoj,* eldonitajn de Hachette en la jaro 1906. •

**<Daŭrigote**

http:// br.groups. yahoo.com/group/ esperanto_gea

# Jes Ja!

**Far César Dorneles Soares**

### ❑ TERTREMO EN PORTO ALEGRE

Francisco Riopardense de Macedo, en sia libreto *História de Porto Alegre* (Editora da Universidade), registras la fakton, ke komence de 1811 la tiama vilaĝo Porto Alegre estis tute ekskuita de tertremo, kiun la enloĝantaro, timigita pro tiel unika okazintaĵo, atribuis 'al diversaj supernaturaj kialoj'.

### ❑ 'NE!'

Unua tago de la infanoj en la lernejo. Kelkaj el ili aŭdas unuafoje en la vivo la vorton *ne*...



### ❑ AKADEMIA KUNVENO

Okaze de la kunveno de la Akademio en la UK-2005, en Vilno, oni diskutis i.a. pri la transitiveco aŭ netransitiveco de verboj derivitaj el substantivoj. Ekzemple ĉu *strukturi* signifas 'doni strukturon' aŭ 'havi strukturon'? Pri interpunkcio ankoraŭ ne ekzistas detalaj rekomendoj pri reguloj.

### ❑ PINGVENOJ-GEJOJ

Mi legis en CartaCapital, ke en Novjorko 'la plej famaj pingvenoj en la zoo de Central Park, Roy kaj Silo, formis dum ses jaroj gejan paron kaj vartis filinon, Tango-n, kiu en la momento vivas kune kun alia femalo. Silo, siavice, abandonis Roy-on kaj ekvivis kun Scrappy, iu kalifornia inseksa pingveno'...

www.esperanto.org.br

### ❑ LUIZ PORTELLA: NOVA VERKAĴO

Nia kara Luiz Portella iom post iom firmiĝas kiel esperantlingva verkisto, kio estas tre bona ĉar fine oni bezonas, ke nia propra literaturo progresu. En http://lujz.org/amiko/ legeblas lia nova verkaĵo – ĉifoje temas pri 'porinfana amrakonto' kies titolo estas 'Ŝi estas mia amiko' (tiele).

### ❑ LA TEMPOJ ESTAS ALVENINTAJ

Mi bone memoras: en la fakultato, en la 70aj jaroj, mi kelkfoje tuŝis la temon kun miaj kolegoj pri la apokalipsaj antaŭvidoj, surbaze de miaj tiamaj spiritualismaj legaĵoj. Ĉu degelo de la polusoj? Grandaj geologiaj perturboj? Epidemioj? Ba, afero de mistikuloj! - ekkriis miaj nekredemaj samkursanoj toksitaj el intelektualismo. Jen ni atingis 2005 kaj tiaj antaŭvidaĵoj kongretiĝis en faktojn kiuj okupas pli kaj pli da spaco en niaj novaĵprogrameroj, ekpravigante ekzemple la homojn kiuj sindediĉas al la studado de la Majaa Kalendaro. Ili jam de kelka tempo estis asertantaj, ke la fazo plej akra de la grandaj okazintaĵoj kiuj ŝanĝos la mondan panoramon okazos inter 2005-2012. Ne, ne temus pri ia 'fino de la mondo' sed fino de iu granda galaksia 26.000-jara naturciklo kaj komenco de alia al kiu la Tero devas alkomodiĝi. Pro la kolektiva doloro (granda majstro) la homaro eklernos respekti la Naturon kaj la universajn leĝojn de la amo kaj solidareco. Tia civilizo de egocentrismo kaj materiismo, frivoleco kaj konsumismo ekfalas. ●

# Ni semas kaj semas



## Brazilo

**SAN-PAŬLO** – Inter 5-6/11 okazis en Araras, SP, la 1-a Kongreso de E-o de Ŝtato San-Paŭlo, sub la aŭspicioj de E-Asocio de San-Paŭlo en kunlaboro kun Edmond Privat E-Grupo. Prof. José Passini paroladis pri la ĉeftemo: *Igante Esperanton alloga al la mondo.* Ĉ. 100 homoj partoprenis en la evento.

**INTERNACIA TELEVIDO** – Oni inaŭguris je la 5/11 la interretan televidkanalon *Internacia Televido*, sub la iniciato de entreprenisto Flávio Rebelo, kreinto de Gxangalo. http://internacia.tv/.

## Mondo

**ARGENTINO** – Argentina Lernejo de Esperanto aranĝis standon por disvastigi E-on en ekspozicio pri edukado okazinta oktobron en Bonaero. Faldfolioj estis disdonitaj.

**EŬROPA UNIO** – Okaze de la Eŭropa Tago de Lingvoj la 26-an de septembro en kvin ĵurnaloj en novaj landoj de la Eŭropa Unio aperis tutpaĝa anonco, informanta pri E-o. Temas pri daŭrigo de kampanjo komencita de la konata japana mecenato de la E-movado Etsuo Miyoshi, jam kelkaj jaroj. Poste la kampanjo pluiros en Francio kaj Germanio. **<Libera Folio**

**SLOVENIO** – La plej granda TTT-ejo pri Slovenio konsistanta el 2.000 panoramoj kaj 8.000 dokumentoj pri la lando de nun uzas E-on krom la slovenan kaj la anglan.

**ĈINIO** – E-kurso al pli ol 100 lernantoj realiĝas en la Fakultato pri Internacia Turismo, de Ĉina Universitato pri Administrado kaj Softvaro, en Pekino.

**KOREIO** – Je 8-9/10 okazis la 37-a Korea Kongreso de Esperanto en Hankuk Universitato por Fremdaj Studoj kies temo estis *La Rolo de Esperanto por Protekti Nacian Lingvon.* La kongreso kalkulkis je la partopreno de 130 homoj inter ili ankaŭ ĉinoj, japanoj ktp. •

# El la poŝtkesto



Vian juvelan Gajan Havenon mi ricevis kaj avide ĝin legis. Ĝi estas instrua, gaja kaj bonege 'eldonita'; gratulojn.
**<Julinha Z. F. Pereira, Porto Alegre/RS**

Gaja Haveno estas pli dika. Gratulon! Mi dankas vin pro la sendado de la 23-a eldono kiu enhavas, kiel kutime, bonajn legaĵojn, bone elektitajn.
**<Ennio Ferreira Porto, Torres/RS**

# Rido!

## Legeblis en la gazetaro...

La nova terapio alportas esperon al ĉiuj kiuj mortas pro kancero ĉiujare.
**Jornal do Brasil**

Malgraŭ la fakto ke la meteologio strikas, la vetero malvarmiĝis intense hieraŭ.
**O Globo**



La sep artistoj konsistigas talentan trion.
**Extra**

La viktimo estis strangolita per tranĉilegfrapoj.
**O Dia**

Niaj legantoj senkulpigos nin pro tia senkulpigebla eraro.
**O Globo**

Tra la koridoro de la psikiatria hospitalo la malsanuloj kuris kvazaŭ ili estis frenezuloj.
**O Dia**

Ŝi eksuferis pro la malsano en la epoko en kiu ŝi estis vivanta.
**Jornal do Brasil**

Ŝajnas ke ŝi estis mortigita de sia murdinto.
**Extra**

La akcidento okazis en la malĝojiga kaj fama Rektangulo de la Bermudoj.
**Extra**

La tribunalo, post mallongtempa interkonsiliĝo, estis kondamnita al unu monato da malliberigo.
**O Dia**

La maljuna emerito, antaŭ ol premi la kolon de la edzino ĝismorte, sin mortigis.
**O Dia**

La polico kaj la justico estas la du manoj de sama brako.
**Extra**

**<Daŭrigote**

## Prilingve

Venontnumere plus unu eldono de ĉi tiu rubriko.



## Porto Alegre

**BABILA RONDO** – En la unua sabato de la monato, 15h, en GEA. Kunordiganto: Instr. César Dorneles Soares.

**STUDGRUPO** – En la dua sabato de la monato, 9h30, en GEA. Kunordigantinoj: Instr. Maria Elisabeth Gomes Diehl kaj S-anino Tereza Jorgelina Jobim.

**E-O PER TEKSTOJ** – En la tria sabato de la monato, 15h, en GEA. Kunordiganto: Instr. Marcelo Stoduto.

**VERDA KAFO** – En la lasta sabato de la monato, 16h, en la trinkejo-restoracio Tutty's: Av. Independência, 30, Centro Comercial Independência.

**VERDA TAGMANĜO** – En la dua sabato de la monato, 12h30, en la restoracio La Persona: str. Gen. Câmara, 318, urbocentro. GEA-aranĝo.

**PERFEKTIGA KURSO POR E-INSTRUANTOJ** – **Klaso A:** ĉiumerkrede, 15h, en GEA. **Klaso B:** ĉiuĵaŭde, 19h, em GEA. Kunordiganto: Instr. Marcelo Stoduto.

## Zamenhof-Festo

**17/12/2005 - 15h**
**en GEA**

Bv. alporti frandaĵojn kiel kontribuo.

# TRA LA RETO

## Pri Esperanto

**NOVAĴOJ PRI E-O** – Freŝdatajn novaĵojn pri la brazila E-Movado vi trovas en http://esperantobrasil.info.



**PEA-PAĜARO** – Paranaa Esperanto-Asocio havas nun sian propran TTT-ejon: www.esperanto_pea.pop.com.br.

**ARTIKOLARO PRI E-O** – Tre interesa dosiero kun artikoloj pri E-o troveblas en www.aleph.com.br/kce - la paĝaro de KCE-Kultura Centro de Esperanto, el Campinas.

**INFANREVUO** – La unua n-ro de la infanrevuo La Luno legeblas en http://ateliero.net/la-luno-rakontas/

**LUDOJ** – E-paĝaro pri ludoj: http://arcade.ya.com/zamen/

## Pri diversaĵoj

**HISPANA** – Lernantoj de la hispana lingvo trovos en www.rae.es, la retejo de *Real Academia Española*, la plej kompletan vortaron pri la hispana en la Reto, gramatikajn informojn ktp.

**AMASKOMUNIKILOJ** – Analizoj kaj informoj pri la agado de la amaskomunikiloj vi trovas en www.observatoriodaimprensa.com.br.

**IPANEMA FM** – Porto-alegre-a radiostacio Ipanema FM aŭdeblas en www2.uol.com.Br/Ipanema/.